# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 375, marto-septembro, 2006
75-a jarkolekto

ĈEFREDAKTANTO
Jorge Pavón

KUNLABORANTOJ
Ángel Arquillos; Antonio del Barrio
Álvaro Berbís; Augusto Casquero
Pedro Hernández; Manuel Pancorbo
Darío Rodríguez ; José Rodríguez
Lupe Sanz; Lorenzo Noguero
Kompostado: mga
Korektado de kelkaj artikoloj:
Manuel Pancorbo
Alejandro Pareja
Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

ELDONAS
Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7
ES-28015 Madrid
Tel +faksilo +34 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961

ESTRARO
Prezidanto:Augusto Casquero de la Cruz
Vicprezidanto: Lupe Sanz Bueno
Sekretario : Carmen Suárez Fernández-Cid
Kasisto : Pedro Garrote
Voĉdonanto: José María Galofré
Voĉdonanto: Luis Hernández

* Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.
* La redaktisto rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn
* Estas permesite republikigi la enhavon menciante la fonton.

SENDU VIAJN KONTRIBUOJN AL
Jorge Pavón Fernández
Calle Juliana n°4
El Escorial (Madrid) 28280
jpavon_f@hotmail.com

## Prezento



Saluton, karaj legantoj!

Kiel vi versajne rimarkis, ĉi tiu numero traktas temojn de tre longa periodo.

Nia bulteno trapasis krizon. Malgraŭ la entuziasmo kaj bonvolo de la antaua redaktoro, li ne sukcesis pretigi ĝustatempe la lastajn numerojn, kaj finfine li devis demisii.

Post tempo de necerteco, mi fariĝis redaktoro.

Laŭ mi, Boletín indas esti iom pli ol protokolaĵo, vera orientigilo de nia hispana movado, kun sufice interesa kaj alloga enhavo. Por tio, nepras aktiva kunlaboro, jen per artikokoj, jen per simpla sciigo de faktoj au eventoj.

Mi kuraĝas aserti, ke eble Manuel Pancorbo estus ankoraŭ redaktoro se li ricevintus taŭgan kvanton da kontribuoj.

Mi dankas ĉiujn kiuj helpis aperigi ĉi tiun numeron, kaj ĉefe al Miguel Gutiérrez Adúriz, kiu faras la komplikan taskon komposti la bultenon ĉifoje.

Laste, mi volas emfazi la gravecon konservi la lingvan kvaliton de Boletín.

Pro tio mi petis la helpon de pli spertaj esperantistoj, kiuj reviziis la tekstojn.

Ĝuu la legadon!

*Jorge Pavón Fernández*

Saluton, masonisto, mia prapatro Ruben,
kiu dum tuta vivo grimpadis supren-suben,
ĉizante sur preĝejoj gargojlojn kaj anĝelojn!

*Unua versoj el*
*"La Infana raso" de William Aŭld*



## Enhavo



## Ni funebras

William Auld forpasis en la mateno de la 11an de septembro de 2006 en su hejmo en Skotlando.

Li, unuanime rigardata la plej eminenta esperanta verkisto en la lastaj jaroj, estis kandidato al Nobel-premio en 1999. Lian unuan libron eldonis Stafeto en La Laguna (Tenerife).

Aparte grava en la originala verkaro de William Auld estas lia poemaro "La infana raso", jam tradukita kaj eldonita en la lingvoj angla, nederlanda, portugala kaj hungara.

Eksterordinara estas lia traduklaboro: Shakespeare, Oscar Wilde, Jack London, Arthur Conan Doyle, Tolkien, ktp.

Cetere, li estis vicprezidanto de UEA, Prezidanto de la Akademio de Esperanto (1979-1983) kaj Prezidanto de PEN-Centro de Esperanto.

Renato Corsetti, Prezidanto de UEA, reprezentis la E-movadon en la funebra ceremonio.

*Gloron al la Granda Homo!*

# Demisio

La apero de "Boletín" draste interrompiĝis dum la lastaj monatoj. La kulpo estas tute mia kiel ĉefredaktisto de la bulteno. Por klarigi al vi la situacion, mi parte kopias la mesaĝon kiun mi sendis al la estraro la 17an de julio:

*"Kiel vi certe* rimarkis, *ne aperas de antaŭlonge nia bulteno, pri kiu mi respondecas. La kialo estas simplega: mi estis tre okupita dum lastaj monatoj kaj ne povis dediĉi al "Boletín" la amason da tempo, nek la konstantan atenton al movadaj aferoj, kiujn ĝi bezonas.*

*Kelkaj el vi jam scias pri miaj problemoj dediĉi tempon al "Boletín" sed mi ne sendis tiun ĉi mesaĝon ĝis nun ĉar mi pensis eliri iam el la puto kaj repreni la aferon, sed jam ĉio prokrastiĝas tro multe.*

*Do, la konkludo estas klara: mi ne povas daŭrigi mian laboron kiel* ĉefredaktisto *de "Boletín". Bv. kompreni tion kiel mian demision.*

*Mi devas diri tion rapide, eĉ mi devintus anonci pli frue, se mi ne estus min trompinta ke mi finfine povos. Do, cele al kiel eble plej malgranda damaĝo al niaj anoj, mi anoncas al vi mian decidon. Ĝi ankaŭ estu oportuna por ke mi prenu taskon pli facile plenumeblan, ekz., helpon al Miguel Ángel kun la retpaĝoj aŭ daŭrigi laboron por amaskomunikiloj.*

*(...)*

*Jen ĉio. Mi bedaŭregas fiaski en tiu tasko. Estu klare ke mi kulpigas je tiu situacio neniun krom min mem; tutmale, mi nur havas dankovortojn al vi ĉiuj."*

Do, post tiu demisio al estraro, mi partoprenis la Ĝeneralan Asembleon de El Puig, la 22an de julio, kaj tie mi klarigis al ĉeestantaj samideanoj la kialojn de mia demisio, kaj pardonpetis pro la ĉagreno kaŭzita. Kaj mi re-pardonpetas en tiu ĉi alia forumo, ne nur pro la nepublikigo de lastaj bultenoj, sed pro la malfrua anonco de mia demisio. Kiel mi diris en la HEF-kunveno, kiam mi deziris reagi, miaj devoj kaj laborvojaĝoj malhelpis al mi tion fari.

La Asembleo serĉis solvon al la problemo. Sed nur post ĝi, kaj dum la disvolviĝo de la Hispana Esperanto-Kongreso, sin prezentis volontule la nuna ĉefredaktisto, Jorge Pavón, kies kuraĝon mi publike laŭdas kaj aplaŭdas.

Mi petas por li vian apogon kaj komprenemon. Miaflanke, mi deziras al Jorge sukceson en tia malfacila laboro.

Konsternite via,

*Manuel Pancorbo Castro.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**www.esperanto-es.net**

**admin@esperanto.es**

# Asamblea General Extraordinaria

En la sede del Grupo de Esperanto de Valencia, calle Peris i Valero nº 96, el día 14 de mayo de 2006, a las 10:30 horas en segunda convocatoria, se celebró la Asamblea General Extraordinaria de la Federación Española de Esperanto. Estuvieron presentes 7 socios y 12 delegaron en el Presidente. Se siguió el orden del día de la convocatoria publicada en el "Boletín" de la asociación.

*1.- Aprobación, si procede de las cuentas de 2005.*

Las cuentas publicadas en el "Boletín" nº 374 se aprobaron por unanimidad.

El presupuesto para 2006 presentado por el Tesorero (12.050 euros) se aprobó por unanimidad.

En él se mantienen las mismas cuotas que en 2005 para las distintas categorías de socios.

Se incluye una partida de 500 euros para subvencionar a la Sección Juvenil de la Federación (HEJS), destinada al socio que represente a HEJS en el Congreso Internacional de Jóvenes en Zagreb.

El subvencionado justificará los gastos y presentará una memoria de la actividad.

Se acuerda reducir, si es posible, los gastos de teléfono estudiando las ofertas de las diversas compañías.

*2.- Ruegos y preguntas*

Con el objeto de completar la colección de "Boletín" en formato electrónico, se acuerda adquirir un scaner para dicho fin.

La sesión se levantó a las 11:00 horas.

El Presidente

*A. Casquero de la Cruz*

La Secretaria

*Carmen Suárez Fernández-Cid*

## Anonce




Disponeblas la libro "DonKiĥoto parolas esperanton / Don Quijote habla esperanto" eldonita de HEF kun la tekstoj de la prelegoj pri Don Quijote kaj la desegnoj de la internacia konkurso por esperantaj junuloj "Kiel vi vidas DonKiĥoton?" HEF vendas la libron kontraŭ 10 eŭroj plus sendokosto (ĝis 4 ekzempleroj 3,76 eŭroj).

Antaŭpago necese al la konto de HEF.

# Estrar-kunsido de HEF

2006-05-14 en la sidejo de Valencio Esperanto-Grupo.

Ĉeestas:

Estraranoj: Augusto Casquero, Lupe Sanz, Carmen Suárez, Pedro A. Garrote.

Ne povas ĉeesti: M. Pancorbo, José María Galofré, Luis Hernández.

Membroj: Manolo Parra, F. Conejero, Jaime Juan Sendra.

Tag-ordo

1.- Kongreso: Augusto Casquero informas ke la aliĝintoj ĝis nun estas malmultaj. La programo inkluzivos: paelon farotan de F. Conejero, gustumadon de "agua de Valencia", turismajn vizitojn al Valencia, Sagunto kaj El Puig, prezentadon de libroj (Don Quijote habla Esperanto, El hombre que desafió a Babel), Festparoladon fare de Rafaela Urueña, vesperajn aranĝojn kaj diversajn prelegojn.



DonKiĥoto parolas esperanton
Don Quijote habla esperanto



Pedro Garrote, kasisto de HEF, en la Hispana Kongreso

2.- Bulteno: Manolo Parra akceptis kunlabori kun la redaktoro M. Pancorbo en la kompostado de la bulteno.

3.- Estraro: Augusto proponas pliigi la kvanton da voĉdonatoj de la Estraro de HEF por havi pli da kunlaborantoj. Post mallonga diskuto, oni ne akceptis ĉar la ĉeestantoj opinias ke por kunlabori ne necesas esti estrarano.

4.- Demandoj kaj petoj:

Augusto sugestas uzi la komputilan programon Skype por la kontaktoj inter la estraranoj. Ĝi permesas paroli telefone al diversaj personoj samtempe.

Venonta kunveno:

En Julio dum la Hispana Kongreso en Valencio.

La Prezidanto
*Augusto Casquero*
La Sekretariino
*Carmen Suárez Fernández-Cid*

# Asamblea General Ordinaria

## Federacion Española de Esperanto

**El Puig (Valencia), 22-07-2006**

El día 22 de julio de 2006 a las 10:30 horas, en el Centro Cultural "La Marina" de El Puig (Valencia), previa convocatoria por el Presidente, se reúne, en segunda convocatoria, la Asamblea General Ordinaria de la Federación Española de Esperanto. Asisten 29 socios, entre ellos los siguientes directivos: Augusto Casquero, presidente; Pedro Garrote, tesorero; Carmen Suárez, secretaria; Guadalupe Sanz, vicepresidenta; Luis Hernández y Manuel Pancorbo, vocales.

*1 Informe de los socios*

La secretaria informa que el numero de socios en situación de alta (al corriente de pago o con dos años pendientes) es de 301.

En 2005 se han producido 5 altas y 12 bajas (3 por defunción). Por categorias el número es el siguiente:

AB (abonanto) 1 KM (kolektiva) 20
DM (dumviva) 28 OM (ordinara) 207
EM (emerita) 32 PM 12
HM (honora) 1 TOTAL 301

*2 Aprobación de las actas de las dos anteriores asambleas*

Se aprueban por unanimidad las actas de la Asamblea General de julio de 2005 celebrada en Alcalá de Henares y la de la Asamblea General Extraordinaria celebrada en Valencia en mayo de 2006.

*3 Información sobre el estado de cuentas*

El tesorero informa que el resumen de las cuentas se publicó en el nº 374 de Boletín y que las cuentas fueron aprobadas en la Asamblea Extraordinaria del 14 de mayo de 2006 para presentarlas al M. del Interior antes de fin junio, en cumplimiento de la Ley de Asociaciones. El tesorero destacó la disminución de los ingresos por cuotas, debida a la reducción continuada del número de socios y propuso que se solicitara la colaboración económica voluntaria de los socios vitalicios (dumvivaj membroj) ya que debido a la inflación economica existente desde la fecha en que se asociaron como tales, su no aportación supone un quebranto a la economia de la asociación. Se acordó enviarles una carta en ese sentido.

*4 Informe de actividades del año 2005*

La secretaria leyó la memoria de las actividades realizadas en 2005,

presentada al Ministerior del Interior. Destacó la participación en el IV Centenario de El Quijote, gracias a las subvenciones concedidas por el M. de Cultura, entre otras actividades se convocó un concurso internacional de dibujo para jóvenes con el tema ¿cómo ves tú al Quijote? . Con los dibujos recibidos y diversos trabajos sobre El Quijote se editó el libro "Don Quijote habla esperanto" en edición bilingüe.

*5 Boletín*

Manuel Pancorbo presenta su dimisión como redactor del mismo al no poder dedicarle el tiempo necesario. Pidió perdón por no haber sacado dentro de plazo los últimos números. La Asamblea aceptó su dimisión rogándole que concluya el Boletin pendiente y colabore con el nuevo redactor. La Directiva quedó encargada de buscar la persona idónea para editar en septiembre un número con la información sobre el Congreso.

*6 Ruegos y preguntas*

Se ratifica a M. Pancorbo para desempeñar el servicio de información a los medios de comunicación.

Augusto Casquero rogó que contacten con él los socios de ILEI por ser necesarios cinco socios para recrear la Sección Española. También pidió voluntarios para colaborar con los grupos de Esperanto de habla hispana.

Luis Hernández solicitó que constara en el Acta el agradecimiento a J. Antonio del Barrio por la labor realizada para obtener las subvenciones del "Proyecto Quijote 2005"

Alejandro Pareja acepta encabezar la organización del próximo Congreso en la ciudad de Cuenca.

No habiendo más asuntos que tratar, a las 11:45 horas el presidente dió por finalizada la asamblea.

*El presidente,*
*Augusto Casquero*
*La secretaria,*
*Carmen Suárez*

---

# Jar-raporto pri Aktivaĵoj en 2005

## (Resumo)

Aktivaĵoj ĉefe en rilato al la membroj

1. Oficejo

1.1. Administrado de kotizoj kaj servoj.

2. Perioda eldonaĵo

2.1. Boletín

3. Kongreso

3.1. Organizado de la 64a Hispana Kongreso de Esperanto. Alcalá de Henares, de la 7a ĝis la 10a de julio.

Aktivaĵoj por la ĝenerala publiko

1. Kursoj

1.1. Perkoresponda kurso (ses novaj kursanoj en 2005).

2. Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

2.1. Oni tradukis la dialogaron de la filmo "El coche de pedales" cele al ĝia subtekstigado en esperanto.

2.2. Laŭ peto de la kin-reĝisoro Pedro Homero, oni reviziis la skripton de lia esperantlingva filmo 'Hejmo' kaj registris la sonon de diversaj scenoj.

2.3. Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jar-raporto.

2.4. Studentoj. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo aŭ la esperanta movado por plenumi siajn akademiajn taskojn.

3. Disvastigo

3.1. Lekcio de D-rino Urueña en la Fakultato pri Tradukado, Soria (11a feb).

3.2. Pluraj prelegoj en la Universitato de Valladolid.

3.3. En Ateneo de Madrid okazis kelkaj prelegoj en Esperanto, plus la prezento de la poemlibroj de Jorge Camacho.

3.4. En du aliaj madridaj ejoj okazis prelegoj pri "Donkiĥoto" kaj Esperanto.

3.5. Círculo de Bellas Artes de Madrid. Kvaropa esperantlingva partopreno en la maratona legado de "Donkiĥoto". (23an de aprilo).

3.6. Expolingua. De la 8a ĝis la 10a de aprilo. Sepa partopreno de HEF en ĉi tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: ĝenerala informado, distribuado de pluraj informiloj, ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp.

Alejandro Pareja kaj Toño del Barrio prelegis respektive pri enkonduko al Esperanto kaj pri la Projekto Kiĥoto, ambaŭkaze kun plena salono.

3.7. 14a "Maratono de Rakontoj", junie en Guadalajara. Juan del Castillo prezentis la rakonton "La milito de la ĉapelitaj literoj" oni ankaŭ muntis informbudon kaj faris enkondukan kurseton.

3.8. HEF eldonis, kiel kronado de la Projekto Kiĥoto, dulingvan libreton sub titolo "Donkiĥoto parolas Esperanton", kiu enhavas la desegnojn de la infana konkurso kaj la prelegojn de la kongreso.

4. Donacoj

4.1. Donaco de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto al la publika biblioteko de Cuenca.

4.2. Donacado de po unu ekzemplero de "La Inĝenia Hidalgo Donkiĥoto de la Mancha" al 21 bibliotekoj kaj aliaj institucioj tra la tuta lando.

5. Amasmedioj

5.1. Intervjuoj al pluraj membroj de HEF en pluraj radielsendejoj.

5.2.En pluraj ĵurnaloj aperis artikoloj pri esperanto, ĉu intervjuoj al niaj aktivuloj, ĉu leteroj de legantoj.

5.3.Televida raporto elsendita en Telemadrid la 3an de novembro, filmita en nia centra oficejo.

6. Interreto

HEF disponas akurate aktualigitajn informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj. (www.esperanto.es)

## Niaj samideanoj en amaskomunikiloj

En la senpaga ĵurnalo "Metro Directo" aperis Carmen Suárez kiel sekretariino de HEF kaj en la sekcio "y vosotros quiénes sois?" ankaŭ aperis mallonga noto pri HEF.

Álvaro Berbís estis intervjuita pri nia lingvo en radiostacio SER. La programero aŭdeblas ĉe:

http://www.esperanto-es.net/

hejs/guŝelsendo/radio.html

Manuel Pancorbo partoprenis la radio-programon *Cita con Pilar* (Rendevuo kun Pilar) en "Radio Nacional 3" Oni babilis pri esperanto.

En Augusto, Antonio Rodríguez estis intervjuita rilate al Esperanto en la programo "La hora del verano" de Radio Canal Sur.

7. Biblioteko

Ĝi estas libere alirebla de ĉiuj, sed hef-anoj havas prunt-rajton. Ĉi jare alvenis 297 novaj specimenoj, plejparte donacitaj de Antonio Alonso.

8. Aliaj aktivaĵoj

8.1. Akademio de Esperanto. Miguel Gutiérrez, membro de HEF, estas akademiano.

*La sekretario: Carmen Suárez*




## Agadraporto

✓ Ŝanĝoj en la estraro

La 11an de novembro de 2005 renoviĝis la estraro de "Fundación" post la ekleĝiĝo de la novaj statutoj. La novaj estraranoj kaj ties postenoj estas:

- Víctor Ortiz Gratal: Prezidanto.
- Enrique Piquero Vázquez: Vicprezidanto.
- Antonio Marco Botella: Administranto.
- Lorenzo Noguero Sarasa: Sekretario.
- José Antonio del Barrio Unquera: Direktoro.

✓ Laborpostenoj en la Asocio

Dum la jaro 2005 ne realiĝis iu ajn dung-kontraktoj, nek elspezoj pro dungado. Ankaŭ ne ŝarĝiĝis la buĝeto de "Fundación" per iu ajn elspezo pro monkompenso al iu ajn membro de la estraro.

✓ Uzuloj kaj celgrupoj de la agadoj

Ĉiuj realigitaj agadoj celis la tutan simpatiantaron kaj ĝeneralajn interesitojn. Neniun konkretan personon aŭ grupon trafis ekskluzive iu ajn agado.

✓ Raporto pri konkretaj agadoj

1. La estraro de "Fundación" kunsidis: la 26an de januaro, la 22an de marto, la 11an de novembro kaj la 12an de decembro de 2005.

2. Dum 2005 plu daŭris la disvastiga laboro, ĉi-okaze, per la tutlanda celebrado de la kvarcentjara jubileo de la publikigo de "Donkiĥoto", verko tradukita esperanten en 1977 kaj eldonita de tiu ĉi "Fundación". Ĉi-rilate organiziĝis pluraj eventoj, i.a., la disdonado de ekzemplero de tiu traduko al pluraj bibliotekoj kaj kulturcentroj.

La Direktoro de "Fundación" rolis aparte elstare en tiu ĉi agado.

"Fundación" kulaboris kun HEF en la disvolvigo de la projekto "Donkiĥoto parolas esperanton". Ĉio ĉi favorigis neordinarajn enspezojn.

3. Komence de la jaro estis pagitaj la stipendioj por la monalvoko de 2004, kiu celis promocii esperanto-kursojn en universitatoj:

- 300,00 eŭroj al KAE, por la kurso en "Universidad Autónoma de Barcelona".
- 300,00 eŭroj al Esperanto-Grupo de Bilbao, por la kurso en "Universidad del País Vasco".
- 300,00 eŭroj al la Esperantista Societo de Tenerife, por la kurso en "Universidad de La Laguna".

4. Kiel en 2004, por 2005 estis enbudĝetitaj monhelpoj por esperanto-kursoj en universitatoj, kaj por publikigo de libroj rilataj al esperanto. Ili estis aljuĝitaj al:

- 400,00 eŭroj al Barcelona Esperanto-Centro, por la publikigo de la libro "Esperanto en Katalunio".

*Al la sekva paĝo* →

# Kursoj ĉeestaj

## Katalunio

* Sant Cugat del Vallès. Unua kurso: lunde kaj jaude, horo: 20-21.30h. Casa de Cultura (Kultur-domo). Organizas: Grup d'Esperanto "Jozefo Anglès". Tel: 93 674 61 80

* Casinet kaj Sant Agustí (organizas BEC). Komenciĝis la 13an de Septembro. Tel: 933338081. Por pli da informo pri katalunaj kursoj kontaktu KEA-n. (Tel: 937109636)

## Madrido

* Librejo 'Muga' . Pablo Neruda, 89. 28038 Madrido. Tel. 91 507 90 84/85. La lecionoj estas senpagaj kaj okazas sabate je la 17:00 (baza nivelo) kaj je la 18:30 (meza). La kurso komenciĝis la 7an de Oktobro. Pli da informo en la librejo aŭ telefonante al 667721951

## Malago

* Lernejo Al-Ándalus strato. Gustavo García Herrera, 10 (Las Chapas-Carranque). Komenciĝis la 3an de oktobro. Baza kurso: ĉiumarde de la 18:00 ĝis la 19:30 h. vespere. Meznivela kaj supera kurso: ĉiujaŭde de la 18:00 ĝis la 19:30 h. vespere.

## La Laguna (Tenerife)

* "Seminario de Introducción al Esperanto y su Cultura" ĉe Universidad de La Laguna, Tenerife (ULL). (3 kreditoj, 30 horoj). Februaro-junio, marde de 18:30 ĝis 20:30.

Se via grupo organizas kurson bonvolu sendi la programon al la adreso esperanto@esperanto.es por aperigo de anonco en la paĝaro de HEF.

## Fuŝaj mencioj

* La 4an de Marto, ĵurnalisto jene citis esperanton en *Liberdad Digital*: "Kiam oni pretendas elpensi kaj desegni lingvon, kiel la kazo de esperanto, la rezulto estis ridindaĵo kiu ne utilis al komunikado".

* Alia malĝustaĵo aperis en *20 Minutos* Ili priskribis strangajn muzeojn, inter ili la muzeon pri esperanto en Vieno. La aserto "Oni povas koni ĉion pri la malpli parolata lingvo" kaŭzis malkontenton ĉe multaj esperantistoj, kiuj respondis en la interreta versio de la ĵurnalo.

---

➔ *de la antaŭa paĝo*

**Fundación Esperanto**

- 400,00 eŭroj al Madrida Esperanto-Liceo, por la publikigo de la libro "El hombre que desafió a Babel".

- 200,00 eŭroj al Esperanto-Grupo de Bilbao, por la kurso en la Universidad del País Vasco.

Zaragozo, la 30an de januaro de 2006

# Hispana Kongreso en El Puig



Muziko ne mankis

La 65a Hispana Kongreso de Esperanto okazis en la Kulturdomo de la urbo El Puig, apud Valencia, disponigita tute senpage kaj kun ĉiuj bezonataj salonoj, teknikaĵoj kaj helpo de la deĵorantoj, inter la 21a kaj la 25a de Julio. Aliĝis 61 kongresanoj el 7 landoj.

Jam en la unua tago oni inaŭguris du interesajn ekspoziciojn, unu filatela, kiu montris ampleksan kolekton de postmarkoj rilataj al Esperanto, prezentita far Rafael Peris Solaz, kaj alia konsistanta el belega kolekto da fotoj de pola esperantistino Aneta Bedkowska pri Irano.

La kongresanoj vizitis la imponan Monaĥejon de Sankta Maria de El Puig, kies konstruado ekis en la jaro 1238, dum la regado de Jaume la Unua, la Konkerinto. Ene de tiu bela monumento oni povis viziti interesplenan Muzeon de la Presarto.

Komenciĝis la lecionoj de kurso de Esperanto por progresintoj, gvidita far Augusto Casquero.

Posttagmeze okazis amuza kvizo, kreita far Toño del Barrio, sed prezentita far Augusto Casquero, ĉar la autoro ne povis ĉeesti.

Sekvis interesega prelego de Alejandro Pareja pri la temo "George Orwell kaj ties rilatoj kun Lanti kaj Esperanto", dum kiu li majstre montris kiel la fama brita aŭtoro de "Bestofarmo" kaj "1984", ekmalamis Esperanton okaze de loĝado en Parizo ĉe sia parenco, kunulino de Eugenio Lanti, la fondinto de SAT. En la familio Lanti oni rigore sekvis la normon paroli nur en Esperanto, kaj Orwell suferis ĉar li apenaŭ povis kompreni la diskutojn en tiu lingvo. Tamen, Orwell inspiriĝis el Esperanto por la fikcia lingvo Newspeak uzata en "1984".

Okazis la kutima privata kunsido de la HEF-Estraro.

Sabaton la 22an, okazis interesplena demonstracio de Jesuo de las Heras pri sia reta "Gazetoteko Lanti". Bedaŭrinde, la projekciilo obstine rifuzis konekton al la komputilo kaj, do, la retpaĝoj de tiu Gazetoteko ne povis esti montritaj; tamen la preleganto detale priskribis ilian funkciadon.

Gazetoteko Lanti entenas riĉan retan kolekton de esperantaj gazetoj, interalie troveblas preskaŭ kompleta kolekto de

nia Boletín kaj Kajeroj el la Sudo komplete. Li petis alsendon de paperaj aŭ skanitaj malnovaj magazenoj por ties enretigo. La retadreso estas:

http://www.gazetotekolanti.com

Poste okazis la Ĝenerala Asembleo de HEF, kies plej konsterniga temo estis la demisio de nia kara redaktoro de Boletín, Manuel Pancorbo, kiu ne povas daŭrigi tiun taskon ĉar lia universitata profesio malebligas al li disponi pri la necesa tempo.

Evidentiĝis, do, grava krizo: nur aperis du numeroj de Boletín ĉijare kaj eble nur povos aperi la tria. La juna samideano Jorge Pavón sindoneme sin proponis por la redaktora posteno. Oni pristudis la provizoran eblecon, ĝis normaliĝo de la situacio, sendi presitan kaj ankaŭ retan informilon al la HEF-anoj.

La Asembleo decidis esprimi sian plej varman gratulon al Toño del Barrio pro lia valora agado okaze de la 5a Centjariĝo de Don Kiĥoto, kiu, interalie, atingis gravan subvencion por nia Federacio.

Poste okazis la Solena Malfermo, kun ĉeesto de la Urbestro de El Puig, s-ro. Joan F. García i Félix, kiu faris mallongan kaj simpatian paroladon.

Sekvis festparolado de Rafaela Urueña, profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid, en kiu si emfazis la grandan kulturan havaĵon kiun jam atingis nia lingvo, kio plene koincidas kun la koncepto pri nemateriaj havaĵoj de la Homaro, kiun subtenas UNESKO: ja lingvoj estas unu el tiuj ne-



Bongusta paelo fariĝis io kutima en ĉiu Hispana Kongreso en Valencio

pre konservendaj nemateriaj homaraj havaĵoj.

Vespere okazis ekskurso al la interesaj kavernoj de La Vall d'Uixó, kaj al la historia urbo Sagunto.

Poste okazis projekciado de du filmoj de Roman Dobrzynski en Esperanto, pri la UK en Pekino kaj pri Rio de Janeiro.

Dum la dimanĉo la 23an okazis tuttaga vizito al la valencia ĉefurbo.

Lunde la 24an okazis interesplena prelego de filologo Pau Mendoza pri la temo "Lingvaj normoj ĉe Esperanto", dum kiu li emfazis la gravan kaj pli aktivan rolon kiun devas plenumi la Akademio de Esperanto rilate al la ĉiam pli granda difiniteco kaj logikeco de nia lingvo.

Du interesplenaj eventoj sekvis: vizito al la fabrikejo Lladró, kie delikataj geartistoj pretigas la artajn ceramikajn skulptaĵojn kiuj akiris altan mondan famon.







Supre dekstre: La Prezidanto de HEF s-ro Augusto Casquero dum prelego. Supre maldekstre: grupo de kongresanoj vigle interparolas. Sube: Darío Rodríguez dum sia prezento pri Esperanto en Interreto.

Kaj mirinda demonstracio pri la fama "Ventrodanco", el araba deveno, far la germana esperantistino Beate Schneider, profesorino pri tiu malfacilega danco-arto.

Posttagmeze, oni anoncis ke la venontjara HEF-Kongreso okazos en Cuenca.

Sekvis prezentado de du novaj libroj: kurioze, ambau temis pri zamenhofa biografio: "Vivo de Zamenhof", de Marjorie Boulton, eldonita far la Urbestraro de Cheste, kaj "El hombre que desafió a Babel", de René Centassi kaj Henri Masson.

Sekve okazis diskutado, sub la gvido de Pedro Garrote, pri la agado sekvenda por havigi pli da membroj al HEF. La afero fariĝis vere polemika, precipe antaŭ la provizora ĉeso de Boletín. Oni diskutegis pri la ebleco aperigi Boletín hispane kaj esperante, sed oni reliefigis ke nia Ŝtato estas plurlingva, kaj ke ne nur oni devus uzi la hispanan (kastilian) sed ankaŭ la ceterajn lingvojn agnoskitajn en la hispana Konstitucio. Do, sajnas prudente daŭrigi la publikigon de Boletín nur esperante, kiel okazas pri aliaj magazenoj de esperantaj institucioj en plurlingvaj landoj.

Oni devis averti ke en ĉi kunveno ne eblis preni oficialajn decidojn ĉar la Ĝenerala Asembleo jam okazis antaŭe. Antaŭ la insista demando pri kion ricevas HEF-ano kontraŭ sia kotizo, iu el la publiko kriis: "Mi pagas la Hef-kotizon nur pro idealo!"



Aperis la verko "Vivo de Zamenhof", de Marjorie Boulton



"La libroj estas niaj monumentoj" kaj Pedro Sanz bone scias tion

Marde la 25an, jam kun malmulta ĉeesto ĉar multaj kongresanoj revojaĝis hejmen, okazis prelego - demonstracio de Darío Rodríguez pri Esperanto en Interreto, kun projekcio de pluraj esperantaj retpaĝoj kaj uzo de ligiloj en rekta konekto al Interreto, dank'al la efikega teknika helpo de Raúl Salinas, kiu sukcese ebligis konekton al la Reto per sistemo WiFi. La preleginto emfazis la gravecon jam atingitan de Esperanto en Interreto kaj kiel ekzemplo montris ke la esperantaj artikoloj en la reta enciklopedio Vikipedio jam superas la ciferon je 50.000.



Muzikaj artaĵoj ne mankis. Ĉarma esperantistino Sonia kantis "a capella" belegan kanzonon "Dankon al la Vivo". Ankaŭ Luc prezentis recitalon de pluraj kanzonoj en Esperanto, kun gitara akompano far li mem. Kaj kiel vere luksa ferma juvelo, ni ĝuis eksterordinaran violin-koncerton de la mondfama valencia violinisto Raúl Arias López.

Dum la kongresaj tagoj funkciis la Libroservo de SATEH, efike prizorgita far Pedro Sanz.

La agrabla Kongreso finiĝis per gustumado de paelo (paella), kuirita apud la kongresejo far la veteranaj esperantistoj el Castellón Inés Comabella kaj Francisco Conejero.

Ankaŭ okazis demonstracio pri preparado de sangrio (sangría) kaj precipe de la bongusta "Akvo de Valencio", koktelo el ĉampano, oranĝa suko kaj vodko plus eroj da oranĝa frukto.

*Darío Rodríguez*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Monleón premiita

Dum la Universala Kongreso de Florenzo okazis la Belartaj Konkursoj de UEA por 2006. En la sekcio de poezio atingis la unuan premion (kune kun Christian Rivière) la hispana samideano Francisco Javier Monleón pro la verko "Sed tiam". Partoprenis 33 verkoj de 18 aŭtoroj el 12 landoj.

## Andaluzio

Geesperantistoj el Sevilo, Lituanio kaj Malago, kunsidis la pasintan 24an de julio, en Arundo (Ronda). La ĉefa celo estis koni persone al samideanino Fátima kiu loĝas en Ronda kaj multaj samideanoj sciis pri ŝi dank'al la reto, ĉar ŝi havas du belegajn ret-blogojn. Oni povas konstati ke ŝi parolas belsonan kaj korektan esperanton.

Dun junio vizitis Malagon kvar francaj geesperantistoj ili partoprenis en la fermo de la kurso en la malaga lernejo Al-Andalus kaj ili prezentis videobendojn en esperanto pri ilia franca urbo Amiens kaj la marbordo kun la golfo de la rivero Somme.

*Ángel Arquillos*

## Asturio

En aprilo Antonio Valén prelegis en la Biblioteko de la Filologia Fakultato de la Ovieda Universitato pri la tradukprocseo de *Don Quijote* al esperanto.

## Kastilio-La Manĉo

Du ekzemperoj de El Quijote en esperanto estis donacitaj al la Biblioteko de la Universitato de Kastilio-La Manĉo kaj al Muzeo de DonKiĥoto en Ciudad Real, fare de Fundación Esperanto. La transdonon de la ekempleroj faris nia samideano Raúl Martínez. En la ĵurnaloj "La Tribuna" kaj "Lanza" de Ciudad Real, aperis novaĵo pri la donaco.



## Galegio

Ekde Vigo Elvira Álvarez vojaĝis al Nepalo kie renkontiĝis kun esperantistoj en Katmanduo, maldekstre Sro. Narendra, Faka Delegito de la urbo.

## Katalunio

Dimanĉon la 23an de Aprilo, Kataluna Esperanto-Asocio aranĝis librobudon

en la Rambla de Barcelono por festi la librotagon. La budo atingis rekordan sukcesan bilancon, ne nur pro la disvendoj sed ankaŭ pro la granda intereso rilate al Esperanto de la preterpasantoj.

http://esperanto.cat/kej/

Diversaj kursoj estis programitaj : Grup d'Esperanto "Miquel Vilagran" ĉe Amikoj de Unesko de Barcelono; en Manresa, Associació de Veïns "Cal Gravat"; Esperanto-Conflent-Asocio "Mosaïque"; en la Centre Civis de Premià de Mar organizas CNT Premià kaj Kataluna Esperanto-Asocio; la Centre d'Esperanto de Sabadell organizas konversacia grupo; en Sant Cugat del Vallès unua kurso en la Kultur-domo organizita de Grup d'Esperanto "Jozefo Anglès" kaj en Vilanova i la Geltrú du nivelaj kursoj organizitaj de Grup d'Esperanto Vilanova i la Geltrú.

La 5aj someraj dialogoj estis organizitaj de la 9a ĝis la deka de Septembro en Monistrol de Montserrat kaj la programo konsistis en prelegoj kaj babiladoj



Bankedo en Madrido



Alejandro kaj Lupe prezentas la libron "El hombre que desafió a Babel" en la librovendejo Muga

## Madrido

La 22an de aprilo okazis bankedo en Madrido por "*etosigi* la novbakitajn esperantistojn, kuraĝigi ilin ekparoli kaj interkonatigi ilin kun spertaj esperantistoj''laŭ diris Pedro Hernández, organizanto de tiu aranĝo.

La 10an de majo okazis la publika prezentado de la freŝe aperinta libro "El hombre que desafió a Babel", hispanlingva traduko de la fama franclingva biografio de Zamenhof. La loko estis la librovendejo "Muga" en la madrida kvartalo Vallecas, kie ĉiujare la samideano Pedro Hernández lekcias esperanto-kurson; sur ĝiaj bretoj kuŝis pluraj ekzempleroj de la libroj.

La eventon ĉeestis deko da madridaj samideanoj kaj kursanoj de Pedro Hernández. Ĝi ekis per vortoj de Lupe Sanz, kiu parolis pri kiel la projekto disvolviĝis ekde komenca ideo ĝis eldono; poste



Manolo Parra kaj Alejandro Pareja, en Círculo de Bellas Artes de Madrido

ŝi enkondukis la prelegonton, Alejandro Pareja, kiu resumis la enhavon de la libro en tre distra kaj interesplena stilo; la lingvo uzita estis esperanto, kvankam Alejandro pretis paroli hispane kompleze al neesperantista publiko kiu finfine montriĝis nulnombra.

Pedro Sanz aranĝis libroservon de esperantaj libroj en la librovendejo Muga.

*Manuel Pancorbo*

Toño del Barrio prelegis pri Leonardo Torres Quevedo, kaj siaj rilatoj al esperanton. Legu en: //personal.telefonica.terra.es/web/tdb/torresquevedo.htm

Felix Lobo gvidis promeneton en esperanto por rigardi kaj aŭskulti birdojn en la plej granda parko de Madrido, Casa de Campo.

Trian jaron esperantistoj partoprenis la tradician legadon de Don Quijote en Círculo de Bellas Artes de Madrido. Tio okazis sabate, la 22an de aprilo, je la 12,30 horo.

Legis en Esperanto, Manolo Parra kaj Alejandro Pareja, bone farite, klare, senstumble, belvoĉe.



José Miguel Bernabeu montras esperantajn flagojn

## Valencio-Murcio

Kelkaj esperantistoj de ambaŭ Regionoj renkontiĝis la 2an de setembro en Guardamar del Segura, ili kunmanĝis kaj montris verdan flagon sur la stratoj.

## Vaskio

E-Kurso finiĝis en la Vaska Universitato la 31an de majo. La duono el la 20 lernantoj prezentiĝis al ekzameno kvankam nur 7 sukcesis.

---



---





# Printempa Renkontiĝo

En la semajnfino inter aprilo kaj majo okazis la 3a Printempa Renkontiĝo en Canet de mar. Temas pri laŭregula kaj vigla renkontiĝo organizita de KEJ (Kataluna Esperanto-Junularo).

Canet estas apudmara urbo en la regiono Maresme, kun agrabla klimato kaj plaĝo. La partoprenantoj loĝis en la gastejo Can Brugarola, kiu ankaŭ estis la prelegejo kaj diboĉejo mem. La programo enhavis subtekstigitajn filmojn (South park fare de HEJS, eXistenZ fare de PEJ.... inter aliaj), tradician katalunan muzikon, prezentadon de KIS-TV (esperant-lingva televidkanalo por dissendo de katalunaj novaĵoj), kursojn por komencantoj kaj diversajn prelegojn por progresantoj.

Kial tiuj renkontiĝoj estas tiel allogaj kaj sukcesa? Oni povas trovi la respondon en jenaj aspektoj:

- Temas pri aranĝo organizita cele al junuloj

La fotojn faris Hèctor Alòs i Font. Maldektre granda paelo kaj dekstre "Sardana" tipa kataluna danco

- Manĝo kaj gastigado en la propra kongresejo (kutime en junulargastejoj)

- Programeroj por komencantoj kaj por progresantoj klare dividitaj kaj samtempaj.

- Nokta diboĉado.

HEF kaj HEJS devas multe lerni de tiuj aranĝoj, kaj fari ankaŭ malgrandajn renkontiĝojn celante junulojn, laŭregule, en malsamaj urboj. Por tiuj junuloj, kaj ne nur, kiuj volas kontribui mi petas ke ili skribu en la forumo de HEJS

(www.esperanto-es.net/hejs/forumo)

Por informo pri katalunaj renkontiĝoj vidu la retpaĝaron

http://www.esperanto-ct.org/kej/

*José Rodríguez*

# Internaciaj ekzamenoj de ILEI



Ĉar multaj hispanaj samideanoj neniam havis eblecon partopreni la ekzamenojn de ILEI, por ricevi ties diplomon, ĉefe ĉar tiuj ekzamenoj okazas ene de la UK-oj, al kiuj multaj ne povas iri, oni kontaktis la ILEI-estraron, por pristudi la eblecon okazigi tiujn ekzamenojn en Hispanio (eble en Madrido, kaj eble fine de decembro aŭ meze de januaro).

Do, ĉiuj interesiĝantoj turnu sin al Augusto Casquero, provizora reprezentanto de ILEI en Hispanio, por ricevi pli da informoj.

Dum la pasinta UK en Florenco, 9 hispanoj pagis la kotizon de la jaro 2006. Tio rajtigas nin havi landan reprezentanton, ĉar por tio devas okazi peto de almenaŭ 5 membroj.

Estas la momento revivigi tiun gravan parton de nia movado, kiu okupiĝas pri instruado. Dum multaj jaroj ĝi bone funkciis en nia lando, ĝis kiam la hispana sekcio malaperis.

Ĉiu kiuj havas intereson aktivi en tiu fako, ne hezitu kontakti min.

Ek al la laboro.

*Augusto Casquero*

---

## Esperantaj volontuloj




Julie okazis vizito de la Papo Benedikto la 16a al Valencio. La organizado havis ĉirkaŭ 8.000 volontuloj. Inter ili troviĝis la esperantistoj Ania Karmowska (polino kiu en tiu momento troviĝis en la universitato de Valencio pere de stipendio Erasmus de EU) kaj Augusto Casquero.

Ilia tasko estis deĵori en informbudo, por informi kaj helpi la pilgrimantojn(ĉirkaŭ miliono kaj duono). Ili estis elektitaj por tiu tasko pro ilia lingvokono. Kompreneble en la informbudo estis pendigita afiŝeto informanta pri la ebleco demandi en Esperano. Bedaŭrinde neniu demandis en Esperanto, sed multaj demandis "pri" Esperanto. Ili ricevis informojn pri kursoj, retadresoj, e-grupoj, ktp.

*Augusto Casquero*

# 91a UK de Esperanto

Inter la 29a de julio kaj la 5a de aŭgusto okazis en Florenco, Italujo, la ĉiujara tutmonda esperanto-renkontiĝo, nome, la Universala Kongreso, kiu vicis la 91an. Tiu ĉi raportisto ĉeestis kaj partoprenis je sia propra nomo, sen ia ajn komisio de la HEF-estraro.

Sekvas, do, personaj impresoj de ajna samideano kiu ĉeestis tiun mirindan renkontiĝon. Ne atendu, do, formalan raporton sed kolekton de disaj prinpensoj tamen sufiĉe koheran, mi esperas.

Por bone kompreni tion kio sekvas, indas klarigi ke pasis 7 jaroj ekde mia lasta partopreno en UK (Berlino 1999) kaj tiam mi estis ankoraŭ frua komencinto (mi eklernis en 1995).

## Multnombra partopreno

La kongreson partoprenis oficiale ĉirkaŭ 2200 homoj. La plej multnombraj landoj estis, laŭvice, Francujo (302), Italujo (279) kaj Japanujo (181). Hispanujo alportis 65 partoprenantojn. Do, jen pripensinda fakto: la nombro da hispanaj esperantistoj en internaciaj e-aranĝoj estas tre malgranda, kongrue al la grando de nia movado sed malkongrue al la proporcie pli alta graveco de la lando en la internacia korto.

La entuto da homoj partoprenintaj UK-ojn estas fakto kiun UEA kutimas fanfarone svingi. Tamen, por ne fari al ni mem trompon, mi devas diri ke la averaĝa lingvo-scio estis notinde malalta en Florenco; aŭdeblis pluraj krokodilaj rondetoj, precipe el la plej multnombraj landoj; tre facile oni rimarkis ke multaj esperantistoj aligis siaj familianojn aŭ amikojn kiuj mem ne parolas Esperanton; la turismaj ekskursoj plenplenis je homoj kiuj eniris la kongresejon nur por preni sian saketon kaj identigilon. Do, entute mi kalkulas ke nur ĉirkaŭ 50% da la aliĝintoj kapablis kompreni facilan konversacion aŭ prelegon en Esperanto.

Mi faras la subjektivan pritakson ke la afero malpliboniĝis ekde mia lasta partopreno en Berlino. Tamen, tiam mi ankaŭ estis nematura esperantisto kaj do malfacile mi povintus fari ekvivalentan pritakson.

Nu, eĉ se ni konsideras ke la afero ne evoluis negativen, la fakto ke la lingvo-nivelo dum UK-oj estas tre malgranda, devus mildigi la fanfaronemon de UEA kaj, ĝenerale, de ĉiuj ni, esperantistoj, pri la facileco lerni la lingvon. Kompreneble, mi ne deziras kulpigi komencantojn aŭ simplajn favorantojn pro ilia malgranda aŭ nula scipovo de Esperanto: tute male, mian dankegon al ili pro ilia sindonema apogo al nia movado!

Kaj mian admiron al la multaj blindaj kaj kripligitaj samideanoj kiuj svarmis en la kongresejo kun siaj bastonoj kaj rulseĝoj. Jen ekzemplo de kuraĝo!



Kelkaj komitatanoj dum kunsido, fotitaj de Kalle Kniivillä

## Movada Foiro

Por unua fojo en UK, UEA organizis la tiel nomatan "Movadan Foiron" ekster la kongresejo, en ĉirkaŭa ĝardeno dum la interkona vespero. Temas pri strata budaro kie ĉiuj fakaj kaj landaj asocioj -antaŭe sinanoncintaj- rajtas munti sian tablon por ekspozicii -kaj eventuale vendi- siajn varojn, librojn kaj servojn.

La ideo estas bona, kaj la afero estis ege sukcesa: duono da la ĉeestantoj situis trans la tabloj kaj la alia duono antaŭ ili, ŝtopante la mallarĝan koridoron inter la du vicoj de tabloj, sur la gruzopado de la ĝardeno; konversacioj, renkontiĝoj, ridoj kaj, kompreneble, aĉetoj kaj vendoj vicis unu post la alia.

Verdire, la afero havas alian flankon: Esperantujo aspektis por momentoj kiel bazaraĉo kie ĉiuj klopodas vendi sian lastan eldonon, estontan e-aranĝon, T-ĉemizojn, filmon, bultenon, revuon... ĉu restis iu veninta nur pro la idealismo kontakti homojn de aliaj landoj kaj babili kun ili!? Rigardante la budaron oni facile cedas ke idealismo malaperis de Esperantujo.

Bona aŭ malbona, ne gravas: HEF nepre estu reprezentota en movadaj foiroj de venontaj kongresoj ĉar ĉi-foje ni malatentis tiun ŝancon diskonigi nian asocion.

## Solena Malfermo

El la solena malfermo mi elstarigas du eventojn: la saluton al la kongreso, nome je hispanaj esperantistoj, kiun nia prezidanto Augusto Casquero faris, kaj profitis por atentigi ke multajn samideanojn baris la vizaj postuloj de riĉoplena Schengen-Eŭropo; ĉiam bonvenas tiaj atentigoj. Kaj la dua menciinda evento estis la prelego de Profesoro Grin, el la Universitato de Genevo, pri kiu mi jene skribas.

P-ro Grin estas la aŭtoro de raporto mendita de franca registara agentejo, pri la ekonomia transfluo al anglalingvaj landoj pro la superregado de la angla lingvo en Eŭrop-Uniaj instancoj, kaj inter la eŭropaj civitanoj. Ĝi publikiĝis fine de 2005. En la konkludoj de sia raporto, P-ro Grin nombris 17 miliardon da eŭroj jare pagitan malrekte al Britujo kaj Irlando fare de la ceteraj eŭropaj landoj; li ankaŭ esprimis ian favoran konsideron al Esperanto.

P-ro Grin legis sian ampleksan paroladon en Esperanto, sed li plurfoje atentigis, ke li ne bone scias la lingvon, kaj absolute ne estas esperantisto. Li ŝajnis

iom iritita de la unudirektaj interpretoj, kiujn esperantistoj donis al lia raporto, kaj denove atentigis, ke kvankam lia raporto ja mecias la uzon Esperanton kiel unu eblan solvon, aŭ prefere unu eblan paŝon direkte al eventuala solvo de la problemoj de lingva neegaleco, tio ne estas la ĉefa akcento de la studo.

## Kongresejo

La kongreso unuavide aspektis impona kaj taŭga. Tamen tuj evidentiĝis ke, malgraŭ la unuaj impresoj, la domo estas iom tro malnova kaj rezultis ne tro komforta por UK. La ter-etaĝo estas malgranda, farĉita de malgrandaj ĉambroj kaj bariloj (ŝtuparoj, muroj, mebloj...); do, kripligitoj malfacile moviĝadis sur ĝi. Pro la malgrandeco de teretaĝo, oni devis organizi la akceptejon en suba etaĝo, atingebla post multaj ŝtuparoj, kio kaŭzis ĝenon, kompreneble, al homoj kiuj havis ian mov-handikapon.

Krom tiu deviga grimpado, la ejo havis alian malavantaĝon: la ĉefa salono (en suba etaĝo) ne havis sufiĉajn sidlokojn por ĉiuj kongresanoj, do oni aranĝis la Zamenhof-salonon (kiu estis uzita por la Solenaj Fermo kaj Malfermo, kaj por la Internacia Arta Vespero) en alia domo, iomete malproksima. Sed la salono estis longega halo, kun la podio meze de unu el la longaj lateroj, kaj 12 ~ 15 vicoj da seĝo antaŭ ĝi. La vicoj estis tiel longaj, ke oni preparis du projekci-ekranojn por ke la homoj sidantaj en la ekstremoj povus vidi tion kio okazas en la podio.



Grupo de kantabraj esperantistoj antaŭ la afiŝo anoncanta la filmon "Gerda Malaperis"

Kaj jen la nura avantaĝo: ĉirkaŭ la ĉefa kongresejo etendiĝas grandareaj razenaj ĝardenoj, kun sufiĉe multaj arboj, tiel ke ombraj areoj abundas eĉ dum la tagmezaj horoj. Tie disvolviĝis speco de paralela "ĝardena kongreso", kun multaj gitarludantoj kaj kantemuloj. Aparte elstare amuziĝis kaj amuzis la brazila samideano Antonio Moreira (Tone), kiu fariĝis la kerno de tiu ĝardena kongreso per siaj berimbaoj (*) (brazila perkutinstumento), dancado kapoejron (*) (brazila danco kiu simulas lukton) kaj hip-hopado. Tre multe populariĝis refreno de unu el liaj hip-hopaĵoj:

Esperanto
estas nova kanto
mia, kaj via,
la lingv' internacia
....kiun multaj kriadis senbride!

## Organizado, LKK

Al mi ŝajnis sufiĉe bona la organizo, krom la fakto ke la LKK fiaskis la pro-

meson disponigi sendratan konekton al interreto. Mi aŭdis plendojn, buŝe de nelokaj kongres-organizantoj kaj de ekskursantoj, pri malbone aranĝitaj eventoj aŭ programeroj fare de "la italoj"; sed mi ne deziras klaĉi kaj do mi honeste diras ke, laŭ mi, la LKK agis sufiĉe diligente.

## Junulaj aranĝoj

Por la dua parto de la kongreso mi gastis en junulgastejo, kie disvolviĝis la ĉefaj programeroj de la junula programo. Mi havis la ŝancon ĉeesti koncerton de Dolchamar; tre bona kaj vigla! Tamen homoj devis atendi ĝis la bisoj por aŭdi ĝian faman "Ĉu vi pretas...?". La koncerton malfermis kaj fermis la jam menciata Tone, per improvizitaj hip-hopaĵoj inter ili... ĉi vi divenas? "Es-pe-ran-to estas nova kanto....!!!", kun ĥora kri-akompano de la spektantaro.

Menciindas diri ke en la ĝardeno, kiu rolis kiel koncertejo, mi renkontis du hispanajn junulojn, vojaĝantajn per "interrail", kiuj gapadis pro la okazantaĵo. Eĉ pli multe ili gapis kiam mi klarigis ke temas pri kongreso de parolantoj de esperanto, ke la bando muzikas en esperanto, ke la homoj venas de multaj landoj sed parolas komunan lingvon esperanton... Ili tuj interesiĝis kaj mi proponis al ili la porkomenculan retpaĝon "lernu.net".

La lastan tagon, post la Internacia Arta Vespero (IAV), junuloj aranĝis diskotekon kaj karaokon en la junulgastejo. La aferon gvidis la brazilano, loĝanta en Madrido, Roger Grilo (konata kiel Roĝer Borĝes) kiu jam famiĝis kiel Dĵ en Esperantujo; kaj, kompreneble, vigligis la etoson la nelacigebla Tone! Ĉi-okaze, la refrenon laŭtis eĉ la neesperantistoj kiuj koncentriĝis en la kela diskoteko (inter ili multaj hispanoj!).

## Internacia Arta Vespero

Unu el la de mi plej atendataj programeroj estis la IAV. Mi memoras, de antaŭaj UK-oj, ke ĝi estas spektinda evento, kun multaj amatoraj sed valoraj artistoj. Sed ĉi-jare mi iomete elreviĝis: la IAV estis vere enuiga kaj foje teda. Mi elstarigas la flamenko-version de "La Espero", fare de nia senkompara samlandano Solo, kiu vekis kaj veojn (de hispanoj) kaj ridojn de la ceteraj; nu, almenaŭ iom da ikonrompismo en UK! Kaj, kompreneble, la pian-ludadon de rusa juna pian-ludisto, Andrej Korobejnikov, dediĉitan al rusaj infanoj ostaĝigitaj kaj buĉitaj de teroristoj, kiu larmigis kortuŝe la ĉeestantojn.

Sed, tuj post la formala IAV, improviziĝis alternativa IAV en angulo malproksima de la scenejo. Meze de ĝi, troviĝis... jes! vi divenis! Tone! dancanta la devizon, kriatan de la kolektiĝintaj homoj: "Es-pe-ran-to estas nova kanto..."!

## Finaj vortoj

UK estas stranga aranĝo: je unu flanko oni renkontas milojn da esperantistoj (nu, ne ĉiuj veraj esperantistoj, kiel mi

*Al la sekva paĝo* →

# Rezolucio de Florenco




La 91a Universala Kongreso de Esperanto,

kunveninta en Florenco (Italujo) kun 2209 partoprenantoj el 62 landoj,

konstatinte,

* ke la Jardeko de Edukado por Daŭropova Evoluigo 2005-2014 estas grava kadro por iniciatoj cele al evoluo kiu estu socie dezirinda, ekonomie vivkapabla, kulture taŭga kaj ekologie daŭrigebla,

* ke nuntempe ekzistas gravaj minacoj kaj al biodiverseco kaj al kultura kaj lingva diversecoj, pro la reciproka dependeco inter la homo kaj la naturmedio,

* ke la nuna superrego je monda skalo de unu lingvo havas maltrankviligajn ekonomiajn, sociajn kaj edukajn efikojn koncerne daŭropovecon, lingvan ekologion kaj la rajton je komunikado.

* ke la strebado de la Esperanto-movado al lingva demokratio kongruas kun la valoroj de transnacia edukado celanta informitajn, aktivajn civitanojn kiuj estu kapablaj kritike kompreni sin mem kaj la ĉirkaŭan mondon por partopreni la evoluprocedon respondece kaj solidare.

Alvokas

la Esperanto-komunumon aktive engaĝiĝi en la agadoj kiuj, sur diversaj niveloj, strebas antaŭenigi praktikojn koherajn kun la principoj de la bezonata ŝanĝoprocezo, kaj utiligi siajn lingvon kaj retojn serve al tiuj klopodoj.

Rekomendas

al la Estraro de UEA doni al la ĉi-rilataj problemoj pli da atento en estontaj kongresoj kaj agadoj, partnere kun neesperantistaj organizaĵoj.

Konfirmas

la pretecon de la Esperanto-komunumo kunlabori kun Unesko kaj aliaj organizaĵoj cele al tutviva edukado por paco, socia justeco kaj kultura diverseco, kaj atentigas ilin pri la lingva aspekto de daŭropova evoluigo.

Florenco, 2006.08.04

---

→ *de la antaŭa paĝo*

diris) sed aliflanke, tiu amasiĝo foje misgvidas la menson tiel, ke oni ne ĉiam certas kie disvolviĝas la plej interesa programero. En la koridoroj facile troveblas interesaj homoj por ekbabili, eĉ ofte homoj alproksimiĝas por saluti, paroli... sed kongresanoj ĉiam hastas en koridoroj por atingi ĝustatempe tiun aŭ alian eventon.

Do, se vi ankoraŭ ne faris, iru al UK! Venonta ŝanco: Jokohamo (Japanujo), aŭguston de 2007.

*Manuel Pancorbo Castro*



Álvaro Berbís kun aliaj kongresanoj



Junaj homoj... kantemaj koroj

# 62a Internacia Junulara Kongreso

Ĉirkaŭ 300 personoj el diversaj landoj, inter ili sep el Hispanio, partoprenis la IJK-on, kiu okazis inter la 6a kaj la 13a de aŭgusto en Sarajevo (Bosnio kaj Hercegovino). La temo de la Kongreso, "Multkultureco kaj Tutmondiĝo" estis aparte taŭga por la gastiga urbo, ofte komparita kun Jerusalemo ĉar sur ĝiaj ĉarmaj stratoj rimarkeblas la mikso de kvar kulturoj: la muzulmana, la serba ortodoksa, la kroata katolika kaj la juda. Laŭ tiu filozofio multkultura la kongresantoj organizis diversajn aktivaĵojn, kiel kurso pri internaciaj dancoj, japanaj dancoj, spekto de bosna folklora popoldanco kaj la kutima Kultura Lingva Festivalo, kie ĉiu lando havas propran budon kaj oni prezentas diversajn elementojn de propra kulturo: naciajn kantojn, lingvojn, manĝaĵojn, ktp. Ĉiunokte, eble post la trinkado de pluraj "piva" (bieroj, en la bosna lingvo), la diboĉado pluis en la diskejo, ĉiam amuzigita de la hispanoj. Kompletigis la muzikumadon la koncertoj de JoMo, Dolchamar, la nova Esperanto Desperado, la piano ludistino Kaja Farsky kaj la kantisto Doron Modan.

Paralele al la diboĉado kaj kulturaj aktivaĵoj okazis du gravaj kunsidoj de la estraro de TEJO. Ĉar 2006 estas para jaro, en ĉi-tiu IJK komencis sian mandatperiodon nova komitato de TEJO, kiu en la nova periodo denove havas hispanan reprezenton: Manuel Álvaro Berbís. La plej grava okazaĵo en tiuj eventoj estis la elekto de nova prezidanto de TEJO, post la demisio de Heming Welde Thorbjërnsen. Anstataŭ li kiel nova prezidanto estis elektita la norvego David-Emil Wikström, kiu ricevis 17 voĉojn de la Komitato. Kandidatis ankaŭ bosno Haris Subasic (7 voĉoj) kaj rusino Katja Ignatieva (nul voĉoj). La nova komitato de TEJO ankaŭ starigis du novajn

*Al la 32a paĝo* →



HEJS-anoj kun s-ano Ferriol estis fotitaj de Hèctor Alòs



Rut kaj Victor kun novaj esperanto-lernantoj

# Atlantika Plonĝado en Portugalio

Kelkaj HEJS-anoj partoprenis la Atlantikan plonĝadon la unuan semajnfinon de Marto en la urbeto Areia Branca je 90 kilometrojn for de Lisbono. Venis al tiu kongreso preskaŭ 50 homoj el Portugalio kaj Hispanio, krom Okcitanino el Francio kaj viro el Andoro. Do, homoj el lokoj ne tre malproksimaj. Sed ankaŭ ĉiuaĝaj partoprenantoj.

La programo estis diversa kaj plurtema: prelegojn pri nuntempa literaturo, komputiloj, Andoro kaj pri la okcitana lingvo. Farri parolis pri malaperanta lingvo kiu ekzistas en Eŭropo, simila al la kataluna kaj malapogata de la franca ŝtato (La okcitana lingvo). HEJSanoj alportis la subtitoligon de la filmo Amélie kaj ĉapitron de South Park fare de Álvaro Berbis kaj José Rodríguez. Aliaj spektitaj filmoj estis: La junulino kun perlo, kaj eXistenZ. Ankaŭ interesis la dubosolvado de António Martins. La lastan tagon ni ekskursis, vizitante la lokan muzeon de "Lourinho" kaj tie ni vidis malnovajn tradiciajn ilojn de la lokanoj kaj gravajn ostojn de dinosaŭroj.

Vespere ni vizitis ventomuelejojn iom malsimilaj al tiaj kastiliaj. Ni povis vidi la internon de unu el ili klarigata tre bone de la posedanto.

Venis multaj komencantoj el Hispanio kaj Portugalio kiu studis la lingvon en mezlernejo per la projekto AKEL, (Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj) kiu intencas krei rilatojn inter lernejoj per Esperanto. Ili havis apartajn aktivaĵojn, ĉefe ludaj kaj paroligaj fare de Rut. Resume, ni povas konsideri la kongreson sukcesa. Menciindas junaj esperantistoj Nuno Magalhaes kaj Alexandra Paz kiu okupiĝis pri la organizado kaj ĉiĉeronis tre amuze dum la ekskurso.

Nun estas nia vico fari alian bonan renkontiĝon.

*Jorge Pavón Fernández*









**Televido** **Ĝangalo**

La dublitaj kartunoj de la serio "Tĉeko", aperis en ITV



## Esperanto rolas en rusa televid-serio

La 27an de februaro, rusa tutlanda kanalo montris la tri ĉapitrojn de Casarosa, detektiveca filmo kiu parte okazas ĉe e-klubo en la jaro 1920. La intrigo komenciĝas kiam la kantistino Casarosa (Kazaroza) estas mistere murdita dum ŝia spektaklo en tiu klubo. La filmo baziĝas sur romano de rusa verkisto Leonid Juzefoviĉ kaj unue aperis kun la nomo "Klubo Espero".

## La Papo bondeziras esperante

Benedikto la 16a adresis al la ĉeestantoj en la placo Sankta Petro ankaŭ per "Feliĉan Paskon en Kristo resurektinta". Grupo de esperantistoj, kiel kutime, portis afiŝojn kun la nomo "esperanto"

## ITV daŭrigas elsendojn malgraŭ malfacilaĵoj

La esperanta televidkanalo jam devis ĉesi siajn elsendojn en aprilo pro manko de mono. La originalan planon konsistis financado de la kanalo per reklamado, tamen, oni nur atingis unu anoncanton (la kinfilmo Incubus). Aldone al tio, la monkontribuoj tre malgrandiĝis, laŭ diris Flavio Rebello, la respondeculo de tiu projekto. La kanalo estis reŝaltita en majo danke al promeso starigita ĉe pledgebank.com, laŭ kiu pli ol 50 homoj subskribis promeson kontribui al la televido per 10 eŭroj monate dum unu jaro.

ITV ricevis kritikojn por sia entrepreneca modelo, nepublikigo de financoj al eksteraj homoj aŭ malintereso de multaj programoj. Ja la originalan programaron oni ne kapablis produkti pro monomanko, kaj ITV fariĝis tre malbunta.

Nun elstaras la kurso de ELNA kaj dokumentfilmoj de Roman Dobrzynski. Antaŭnelonge estis lanĉita la tre atendata konkurso "Verda Stelo" por kantistoj kaj esperantaj ensembloj. Ankaŭ aperis la dublitaj kartunoj "Tĉeko".

## Tombo de Zamenhof, en perfekta stato

1an de Marto aperis informo pri detruo de la tombo de Zamenhof, kiu situas en la juda kvartalo de Varsovio, probable de faŝistoj aŭ de la nekonata terorisma organizaĵo "Brigadoj de la Martiroj de Bofronto". Laŭ tiu artikolo, la monu-

mento tre difektiĝis pro bombo eksplodiĝinta apude. La novaĵon multaj homoj kredis vera, malgraŭ tio, ke temis pri ŝerco de la interreta portalo Ĝangalo.

La paĝaro kutime publikigas ŝercojn tiajn ĉiujn unuan de marto laŭ festotago "April Folls" ("Aprilaj Ŝecoj") tipa de anglalingvaj landoj. Reagoj al tiu humoraĵo estis variaj: kelkaj opiniis ĝin amuza, dum aliaj protestis. La direktoro de la tombejo klarigis al Pola Radio, ke la sciigo estas tute malvera. La monumento de Zamenhof situas sur monteto en plej homora loko, donacita de la juda komunumo.

## Ĉu Harry Potter esperante?

Usonaj esperantistoj jam tradukis la unuan libron de la fama serio. Nur mankas, ke la posedanto de eldonrajtoj permesu eldonon de la traduko. Neniu el la kontaktoj kun reprezentantoj de la verkistino estis fruktodona, pro tio oni iniciatis kampajnon por montri, ke ekzistas interesataj apogantoj kaj aĉetontoj.

Vi povas subskribi ĝin en:

www.hp-esperanto.com

## La ILEI-Konferenco esperEble okazos en Afriko.

La komitato de ILEI (Internacia Ligo de esperantistaj instruistoj) aprobis la klopodojn organizi tiun kongreson en Benino. Oni konsideras pozitive tiun lokon por vigligi kaj plibonigi la instruadon de esperanto en tiu kontinento, kie estas multaj lernantoj, sed malmultaj instruistoj pri nia lingvo.



Pedro Sanz montris aspekton de nia kulturo pere de libroservo en la madrida kvartalo Vallecas

## Ĉu forkapto de esperantistoj en Nepalo?

Amaskomunikiloj sciigis nin, ke du vojaĝemaj polaj samideanoj estis kaptitaj de maoistoj la 23an de marto kune kun du aliaj piedirantoj. Ŝajne, 4 tagojn poste ili estis liberigitaj kiam ili pagis po 300 euroj por homo.

Tamen, tiuj du esperantistoj neas la forkapton, kaj asertas, ke la komunikiloj ne aperigis la ĝustan historion. Laŭ ili, okazis problemoj rilate la pagon de "imposto" kiun gerilanoj postulas al ĉiu homo kiu eniras sian teritorion. Malgraŭ iliaj deklaroj, ĵurnalistoj (krom tiuj de la brita BBC) ignoris kion ili diris, kaj publikigis la novaĵon tiel.

Legeblas pli detale en la retpaĝo de Marzena kaj Wojtek.

http://www.naszawyprawa.com

# 79a Kongreso de SAT




19-26.08.2006

En la kvindekjariĝo de la unua SAT kongreso en Belgrado, denove renkontiĝis en ĉi-tiu urbo proksimume 150 membroj de SAT kaj simpatiantoj el pli ol dudek landoj. Surloke, la Kongreson organizis la Fervojista Esperanto Societo “Branco Maksimovic” kaj la OKK, kies prezidanto estis Tereza Kapista.

La solena malfermo okazis en salonego de la serba Ministerio pri Transporto.

Dum la kongreso okazis kvar laborkunsidoj, dum kiuj la SAT-anoj pridiskutis la raporton pri la antaŭa jaro, la nunan financan kaj membrecan situacion, diversajn proponojn rilate la estontan agadon de SAT, la varbadon kaj solvon de la nunaj problemoj de la Organizo. Dum la kongreso la partoprenantoj ankaŭ debatis pri diversaj problemoj de la nuna politika internacia situacio.

Krome, okazis la kutimaj kunsidoj de la diversaj frakcioj (komunista, liberecana, ĉielarka, poresperanta, sennaciista, ktp.) kaj denove ekfunciis la porpaca frakcio de SAT. Dum la LEAo - kunsido, la diversaj Laboristaj Esperantaj Asocioj (SATeH, SAT Amikaro, SATeB, ARCI Esperanto) debatis pri la evoluo de iliaj asocioj kaj la agadoj en la koncernitaj lingvaj regionoj, kaj pri la estonta kreado de LEAo en Japanio.

Dum la Kongreso, krom la politika diskutado kaj studado de organizaj aferoj, la partoprenantoj ĝuis tre riĉan kulturan kaj turisman programon. Prelegoj pri diversaj temoj, interalie tre interesa prelego far la kamaradoj Weiss pri kontraŭpersonaj minoj, pafaĵoĵetoj el bomboj kaj malarmado ĝenerale, kaj ankaŭ la konkreta laboro de SAT pri senminigo en la teritorio de Kroatio. La partoprenantoj ekskursis al la fortikaĵo de Smederevo, al Mokra Gora, Monto Avala, la urbo Belgrado, ĝia fortikajo kaj la parko Kalemegdan...

Tre kortusa kaj entuziasmiga estis la koncerto de la Serba Orkestro de Junaj Talentoj, kies infanoj mirigis la publikon per ilia majstreco. Ankau okazis teatraĵoj, serbaj artistoj (interalie blindaj) kantis tradiciajn serbajn kantojn, ktp.

Ankoraŭ ne estas decidite pri la venonta 80a SAT-Kongreso, sed plej verŝajne ĝi okazos en Parizo.

*Pedro Hernández*

# La taglibro de Petr Ginz

## prezentita de lia fratino en Madrido

Mirinda novaĵo: la Taglibro de la juna Petr Ginz estis ĵus eldonita en la hispana kaj la kataluna lingvoj, kaj ĝin antaŭis la eldono en Esperanto.Temas pri juna ĉeĥa judo, filo de esperantistoj, kaj mem parolanto de nia lingvo, tre talenta diversfake, kiu estis murdita en Aŭŝvico kiam li ankoraŭ; estis 16-jara. Li famiĝis pro siaj desegnoj (precipe pro unu kie estis sendita en la spacon en kosmoŝipo Columbia), pro la ĉefredaktado de junula revuo "Vedem" en la koncentrejo de Terezín, kaj nun pro la hazarda eltrovo de la taglibro kiun li skribis ĵus antaŭ sia forportado.

La libro estis antaŭnelonge tradukita al Esperanto, de Kava-Pech, redaktita de lia fratino Eva, nun nomata Chava Pressburger, kun la titolo "Taglibro de mia frato".Vidu recenzon de Monato; ankaŭ La Ondo de Esperanto aperigis alian recenzon pasintnumere, sed ĝi ne estas alirebla rete.



Kaj ĝuste ĉisemajne aperis ankaŭ la hispana kaj kataluna tradukoj. La titolo de la hispana versio estas "Diario de Praga", kaj ĝin publikigis la eldonejo Acantilado. Por prezenti la libron, alvenis antaŭhieraŭ; al Barcelono kaj hieraŭ (13an de junio) al Madrido, la fratino Chava Pressburger. Mi havis la okazon ĉeesti ĉi-lastan prezentadon, kaj konstati ke ŝi plu iom parolas la lingvon Esperanton,kvankam ŝia publika parolado estis en la ĉeĥa.

Pri la libro mem, mi nur povas ĝin rekomendi. Por mi, la plej frapa karakterizaĵo estas la maniero rakonti terurajn aferojn el maniero tute simpla, kvazaŭ ĉiutaga. Estas miriga ke apud frazaĵoj kiel "pluvas" aŭ "Matene, en la lernejon", aperas komentoj kiel "Mi iris al strato XX ĉar al judoj oni malpermesis iri al YY", tute simple, kvazaŭ tio estus normala. Kompreneble, tio ne estis normala, kaj ja aperas komentoj klaraj pri tio fare de la aŭtoro, sed la ĝenerala impreso de la leganto ja estas tia. Tio memorigas min pri la libro de Tivadar Soros, "Maskerado ĉirkaŭ la morto", kaj ankaŭ tiu de Imre Kertész, "Sensorteco", kiuj lasis similan impreson. Kvazaŭ; oni alkutimiĝus al ĉio.

La hispana eldono nur unufoje mencias Esperanton: en la prefaco, Chava komentas ke iliaj patroj konatiĝis en esperantista kongreso. Tiun detalon ankaŭ menciis diversaj gazetaraj recenzoj, kiel tiu de la pasintdimanĉa suplemento de "El País", la plej disvastiga-

ta hispana ĵurnalo. Aliaj novaĵiloj kaj ĵurnaloj menciis la konatan fakton ke dum la lastaj tagoj en la koncentrejo li verkis Esperanto-ĉeĥan vortaron.

La Holokaŭsto estas relative nekonata en Hispanio, kiu ne partoprenis rekte la Mondmiliton, kaj kies juda loĝantaro estis elpelita jam antaŭ kvin jarcentoj. Estas do des pli kuraĝe de la eldonintoj ke ili publikigis la libron, en prestiĝa kaj prizorgita kolekto, kaj mi esperas ke tiu estu ŝanco por ke hispan- kaj katalunlingvaj legantoj konsciu kiel facile estas alkutimiĝi al la rasaj kaj naciaj malamoj, kiuj kapablas tute simple kaj senpente foroferi senkulpajn knabojn nur pro ilia grupaparteno.

*Antonio del Barrio*

http://personal.telefonica.tera.es/web/tdb/blogo.htm

## IGADI en Esperanto

*Instituto Galego de Análise e Documentación Internacional* prezentas sin en Interreto ankaŭ en Esperanto.

Ĝi estas organizaĵo por internaciaj rilatoj, kies direktoron, Xulio Ríos, estas konata specialisto pri Chinio. Toño del Barrio kontaktis lin pro artikolo en kiu li menciis Esperanton. La prezentadon en Esperanto alireblas el la ĉefpaĝo de la Asocio:

www.igadi.org/

(bv. rimarki la flagon)

➔ *de la 26a paĝo*






komisionojn: unu pri informila strategio kaj alian pri esplorado de novaj subvencifontoj por la landaj sekcioj de TEJO. Alia menciinda decido estis tiu de la laborgrupo gvidita de David-Emil Wikström, kiu taksis la videbligadon de TEJO ĉe Landaj Sekcioj grava celo prilaborinda dum sia mandato.

Informadon pri IJK kovris la plej granda parto de la lokaj amaskomunikiloj. Kelkaj televidkanaloj kaj radiostacioj elsendis pri IJK, dum la du ĉefaj ĵurnaloj de Bosnio kaj Hercegovino (Dnevni Avaz kaj Oslobodenje) publikigis preskaŭ ĉiutage artikolojn kun fotoj pri la Kongreso; granda disvastigo de la nomo de Esperanto inter la loĝantoj de Sarajevo, urbo kiu jam gastigis IJK-on en la jaro 1973.

*Manuel Álvaro Berbís Moreno*

## Zamenhof hispanlingve

Ĉiujare kreskas la nivelo de la rimedoj ekzistantaj je la dispono de la hispanlingva esperanto-movado. Al la ekzistantaj lernolibroj aldoniĝis la Granda Vortaro de Fernando de Diego kaj la bonega informlibro de Antonio Valén "Esperanto: lengua y cultura". Venontjare aperos la atendata poŝvortaro Amika, kaj ĉi-jare troviĝas jam je nia dispono traduko de la fama franclingva biografio de Zamenhof "El hombre que desafió a Babel".

Ni paŝas sur bona vojo!

Mendoj: Madrida Esperanto-Liceo







## Finfine aperis... Gerda!

Finfine atingis la esperantan publikon "Gerda Malaperis - La filmo". Bazita sur la internacie konata lernolibro de Claude Piron "Gerda Malaperis".

Ĝi daŭras unu horon kaj dekdu minutojn. Ludas 18 geaktoroj, kaj kunlaboris 11 personoj plus 9-homa teknika teamo. La filmado postulis 6 monatojn de intensa laboro, kaj oni prezentis ĝin en la UK de Florenco, kie la DVD-versio furoris.

Nu, ni staras, antaŭ tre, tre bona ilo por ellerno de la lingvo, danke al bona prononcado, al subtitoloj en Esperanto, la hispana kaj aliaj lingvoj, kaj al interesa intrigo. Akiru ĝin pere de:

Pedro A. Hernández Úbeda.
esperantio@ono.com

· Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora